REVUO DE ESPERANTO NEDERLAND

*23a jarkolekto n-ro 3 majo - junio 2018*

# Fenikso

**Esperanto Nederland**



*MeM-paviljoen in Prinsenhof*
*Leeuwarden*

*MeM-pavilono en Princoparko*
*Levardo*

*MeM-paviljoen yn Prinsenhof*
*Ljouwert*

## Esperanto inter aliaj lingvoj

## De via redaktoro

Etnaj kaj naciaj lingvoj, lingvoj de minoritatoj, dialektoj...inter ili kaj inter iliaj kulturoj Esperanto povas esti ponto. Tion atestas ĉi tiu numero de Fenikso. Sed tio ne estas evidenta por ĉiu. Ni devas propagandi tiun mesaĝon kaj por tio ni bezonas vivopovan asocion. Ankaŭ tio estas mesaĝo en ĉi tiu numero. Piet (Petro) Buijnsters

**ESPERANTO NEDERLAND**

**www.esperanto-nederland.nl**

Estraro: **<estraro@esperanto-nederland.nl>**

*Prezidanto:* Said Mozaffari Baluchi,
**<prezidanto@esperanto-nederland.nl>**
tel. 06 84316394

*Sekretario:* Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH, Wijchen. **<sekretario@esperanto-nederland.nl>**
tel. 024-6455133 aŭ 06-22603379
Pri ĝemelaj urboj: **<pieter.engwirda@gmail.com>**

*Kasisto:* Loes Demmendaal, Duikerlaan 160, 2903 AC, Capelle a/d IJssel. **<kasisto@esperanto-nederland.nl>**
tel.010 2133320

*Estrarano:* (i.a. pri instruadaj aferoj): Rob Moerbeek, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE, Beverwijk.
**<rob.moerbeek@esperanto-nederland.nl>**
tel.0251 231079

*Estrarano:* Andries Hovinga, De Fennen 47, 8918 CC, Leeuwarden, tel.06 28916262
**<andrieshovinga@esperanto-nederland.nl>**
Pri sociaj komunikiloj:
**<sociaj-komunikiloj@esperanto-nederland.nl>**

**Membro-administranto**: Koos Scharroo, Vaartweg 24G, 8382 EB, Frederiksoord.
**<membroj@esperanto-nederland.nl>** tel.06 22413267
Bv. informi pri (ŝanĝoj de) poŝtadreso, telefonnumero, retpoŝtadreso, (eks- kaj ali)membriĝo, pagmaniero

Bankkonto: IBAN: NL 10 TRIO 0786 8441 67 nome de Esperanto Nederland, Capelle aan den IJssel.

UEA-konto: esne-h

Informoj pri Esperanto: Ineke Emmelkamp
Arubastraat 12, 9715 RW Groningen
**<informado@esperanto-nederland.nl>**
tel.050-5718842
Studie-weekeinde:
**<studosemajnfino@esperanto-nederland.nl>**

# Fenikso

**FORUMO DE ESPERANTO NEDERLAND**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto Nederland**
ISSN 1384-6515



Membroj de Esperanto-Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 35,-- (por samdomanoj €12,50); membroj de NEJ pagas € 15,- (ties samdomanoj € 5,--). *Fenikso* estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo € 20,-.

Vidhandikapitoj povas ricevi kasedan version per estrarano Rob Moerbeek.

**Redakcio: <redakcio@esperanto-nederland.nl>**
Piet (Petro) Buijnsters - Peppellaan 6, 6663 EW Lent
tel.024 3656815

**Lingva rubriko:** Emiel van Damme, Albert I straat 44, 1703 Schepdaal, Belgio

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno, Belgio

**Eksterlandaj revuoj:** bv. sendi al Gerrit Berveling, Van Vredenburchweg 435, 2284 TA Rijswijk, Nederlando. (Interŝanĝo kun *Fenikso*).

**Esperanto Publike:** nederlandlingvaj artikoloj kaj mencioj pri Esperanto en ĵurnaloj, gazetoj, radio, televido kaj sociaj komunikiloj (interreto) estas bonvenaj ĉe la redakcio. Bv. mencii fonton, daton kaj aliajn detalojn.

## En ĉi tiu numero (i.a.)



### Datolimo

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la 10a de junio 2018.

# Invito
### por la
### 27-a ĜENERALA KUNVENO DE ESPERANTO NEDERLAND
okazonta la 26an de majo en De Kargadoor, Oude Gracht 36, 3511 AP  Utrecht

**Tagordo:** vidu Fenikson 2/2018

### Aldonaj informoj

01. Malfermo de la ĝenerala kunveno je la 10:30a h. *fare de Hiddo Velsink*.
6.1 Propono de la estraro: fikso de la kotizoj por *2018/9*.
La estraro proponas ne ŝanĝi la kotizojn.
7.3 Kaskontrol-komisiono. Nun estas *Franklin van Soest*, Ans Bakker kaj Rudi Koot
kaj rezerve Jeannette Bosse. {...}
7.4 Arbitracia komisiono. La komisiono konsistas el:
* Anneke Schouten-Buijs (2016-2019)
* Johan Swenker (2017-2020)
* Marc van Oostendorp (2014-2020)

La komisiono havas nenion por raporti.
09. Informoj pri diversaj temoj:
* Zamenhoffesto en Lunteren (Said)
* Zamenhoftago ĉe la pola ambasadejo en Hago (Andries)
* Zamenhof-memorkonferenco ĉe la sidejo de UNESKO en Parizo (Andries)
* Beneluksa Kongreso

12. Fermo: *je la 13a horo.*

### Posttagmeza programo

14:00 Ward de Kock prelegos pri Wijtze Nutters
14:45-15:00 Paŭzo: Muzika intermezo kun la muzikisto Spencer
15:00-15:15 Demandoj al Ward de Kock
15:15-16:00 Spencer muzikos
16:00 Fermo

**Klarigo kaj rememorigo**
Ward de Kock finstudis pri historio en la Universitato de Leiden. Esperanto havis grandan rolon en ĝi. Ward verkis sian bakalaŭran tezon pri la vivo de la frisa laborista esperantisto Wijtze Nutters. Por tiu ĉi tezo li ricevis eminentan noton.
La scienca artikolo pri Wijtze Nutters estas publikigita en la fama Biografia Vortaro de Socialismo kaj la Laborista Movado en Nederlando.

## Konigu vian urbon

Ĉu vi loĝas en Emmeloord, Almere, Heerenveen, Heiloo, Venray aŭ en alia urbo aŭ vilaĝo? Ĉu ĝi jam estas en la interreta enciklopedio eo.wikipedia.org ?
Se via loko ankoraŭ *ne* estas en Vikipedio, aŭ se mankas informoj, bv. respondi la subajn demandojn (prefere en Esperanto, sed eblas ankaŭ en la nederlanda lingvo). Ni tiam metos la respondojn en Vikipedion.
Foto(j) de vidindaĵo(j) tre bonvena(j).
Demandaro:
*Kiel nomiĝas via urbo/komunumo? Kiom da enloĝantoj ĝi havas?*
*Al kiu provinco ĝi apartenas? Kiel nomiĝas la urbestro?*
*Kiuj vidindaĵoj estas en via urbo/komunumo?*
*Kiuj gravaj historiaj eventoj okazis en ĝi?*
*Kiuj gravaj eventoj (pri sporto, muziko, teatro, ktp.) regule okazas?*
*Kun kiuj urboj via urbo/komunumo havas ĝemeliĝon ('stedenband')?*
*Ĉu en via urbo/komunumo estas Esperanto-klubo aŭ Esperanto-grupo?*
*(Evt. aliaj interesaĵoj)*

# De la estraro



**Raporto pri la 163a estrarkunveno**

La 163-a estrarkunsido okazis 10/03/2018 en De Kargadoor, Oudegracht 36, 3511 AP Utrecht. Ĉeestis: Said Baluĉi, Loes Demmendaal, Pieter Engwirda, Rob Moerbeek. Prezidis la kunsidon: Rob Moerbeek. Protokolis: Loes Demmendaal.
La estraro pritraktis jenajn aferojn:

***Jarraporto***

Laŭ la interna reglamento (huishoudelijk reglement, artikolo 6) de Esperanto Nederland, ĉiu membro rajtas ricevi la jarraporton. Tamen ĉar la paĝaro de Fenikso estas limigita, oni ne povas eldoni ĉion. Ni strebas eldoni sufiĉan resumon en Fenikso, eldoni la tutan tekston tra la Informilo, sed se vi volas, vi povas peti la sekretarion pri ĝi. La samo validas ankaŭ pri la financa raporto kaj ajna informo laŭ via bezono.

***Jarkunveno***

Ward de Kock ŝanĝos la temon de sia prelego pro tempomanko. Li prelegos pri Nutters.
La posttagmeza programo estos jene:
14.00 – 14.45 Prelego de Ward de Kock
14.45 – 15.00 Paŭzo
15.00 – 15.15 Demandoj al Ward de Kock
15.15 – 16.00 Spencer muzikos

La antaŭviditaj donacoj al la katedro bedaŭrinde malaltiĝis per 1000 eŭroj.

Ineke atentigis ke antaŭa membrokunveno jam en 2015 decidis forigi punkton 25.3 pri la katedro. Tiu punkto do povas forfali el la tagordo por la jarkunveno 2018.
La detalan proponon por kunfinanci la Amsterdaman katedron en la jaroj 2019 – 2023 vi legas sube.

La definitiva tagordo de la jarkunveno jam aperis en la Informilo de Esperanto Nederland (25/3/2018).

**{Vidu ankaŭ la tagordon sur p.3 de Fenikso 2018/2 kaj**
**la aldonajn informojn sur p.3 de ĉi tiu Fenikso}**

***Komuna kunveno kun IEI kaj NEJ***

Esperanto Nederland, IEI kaj NEJ estas en kontakto kunorganizi feston aŭ festosimilan kunvenon en 2018, same kiel okazis sukcese en 2017 (Zamenhoffesto). Viaj proponoj kaj kontribuoj bonvenas.

La venontaj estrarkunvenoj okazos 25/8/2018 kaj 3/11/2018.

**Propono por kunfinanci la Amsterdaman katedron en la jaroj 2019 - 2023**

Esperanto Nederland decidis kunfinanci la Amsterdaman katedron por kvinjara periodo (2014 – 2018) per €5.000 por la fiksaj kostoj kaj garantii pliajn €5.000 por la variaj kostoj. Sed la kapitalo de Esperanto Nederland ne eltenas daŭrigi subvencion per €10.000 jare. Tial la estraro de Esperanto Nederland proponas kunfinanci la Amsterdaman katedron por nova kvinjara periodo (2019 – 2023) per €3.000 jare.

Aldono: Esperanto Nederland faris kampanjon por (regulaj) donacoj por la Amsterdama katedro.Ĝis la fino de marto 2018 ni ricevis promesojn por kvin jaroj da donacoj de: Ans Bakker, Rob Moerbeek, Baukje Muizelaar, Tanja van Huis, Melanie Mueller, Loes Demmendaal, Miny Massar, Hans Erasmus kaj Johan van der Hoek por sumo de €4.154 jare. Kaj la unufojaj donacoj sumas €3.140, donacis: K-do N.N., Rudi Koot, Marlijne Hemelaar, Benata Hengstmengel, M. Verhage kaj R. v.d. Stadt.

**Rezultkonto 2017 kaj buĝetpropono 2018**

| Rezultkonto Esperanto Nederland 2017 | | | Buĝetpropono 2018 |
|---|---|---|---|
| **Enspezoj** | **Buĝeto 2017** | **Realigita** | |
| Rentumo | 600 | 529 | 200 |
| Kotizoj | 6.060 | 6.238 | 6.650 |
| Donacoj | 3.000 | 2.291 | 1.300 |
| Malfondo KUNE | 0 | 4.060 | 0 |
| Legaco | 0 | 0 | 5.000 |
| Aliaj enspezoj (i.a. komisiaj vendoj) | 100 | 58 | 50 |
| **Sumo de la enspezoj** | **9.760** | **13.176** | **13.200** |
| | | | |
| **Elspezoj** | | | |
| Bankkostoj | 200 | 171 | 200 |
| Estraraj kostoj | 2.500 | 1.357 | 2.000 |
| Reprezentado | 100 | 0 | 100 |
| Membrokunveno | 750 | 587 | 600 |
| Kostoj membroadministrado | 200 | 198 | 200 |
| Arkivo | 1.000 | 1.000 | 1.000 |
| Verloren van Themaat-premio | 250 | 0 | 250 |
| Informado ĝenerale | 1.600 | 705 | 1.000 |
| Informado Drongo | 1.250 | 1.609 | 1.600 |
| Katedro UvA - fiksaj kostoj | 5.000 | 5.000 | 5.000 |
| Katedro UvA - variaj kostoj | 5.000 | 2.768 | 5.000 |
| Studsemajnfino saldo | 600 | 810 | 600 |
| KKPS | 200 | 200 | 200 |
| Fenikso | 4.750 | 4.388 | 4.750 |
| Retejo Esperanto Nederland | 70 | 68 | 68 |
| UEA Aligitaj membroj | 160 | 150 | 155 |
| EEU (Kotizoj) | 200 | 224 | 208 |
| Komitatano A (UEA) | 1.000 | 0 | 1.000 |
| Reprezentanto ĉe EEU | 100 | 0 | 100 |
| Mabesoone (Regionaj agadoj) | 500 | 264 | 500 |
| Zamenhoffesto | 1.500 | 1.500 | 0 |
| Landaj renkontiĝoj | 0 | 0 | 1.500 |
| Ne antaŭvideblaj kostoj | 0 | 0 | 200 |
| Sumo de la elspezoj | **26.930** | **20.999** | **26.231** |
| | | | |
| **Deficito** | **17.170** | **7.823** | **13.031** |

# De la katedro

### Raporto al la Centro de Esploro kaj Dokumentado (CED)



Estimataj CED-membroj, karaj gekongresanoj,
bedaŭrinde mi ne povas esti fizike kun vi ĉe la UK en Seulo, do mi sendas al vi mallongan raporton pri la agado kiun mi estras per la speciala katedro en la Universitato de Amsterdamo.{...}. La periodo estas **la akademia jaro 2016-2017**, alivorte ekde la fino de la antaŭa UK en Nitro ĝis nun. La kurso de **Interlingvistiko** iĝas pli kaj pli populara inter la gestudentoj, kiuj venas de multaj landoj danke al interŝanĝaj projektoj kiel ekzemple Erasmus. La kurso de **Esperanto** en Amsterdamo estas sufiĉe populara, kaj NEJ-estraranoj venis prezenti la asocion, sed ĝis nun neniu Amsterdama studento daŭrigis sian esperantistecon post la ekzameniĝo, almenaŭ miascie.{...}.

En Amsterdamo, nuntempe mi sekvas tri tezojn kiel relatoro. Du koncernas Interlingvistikon. La unua pritraktas la uzon de planlingvoj ĉe nuntempaj artistoj, dum la dua la feminisman planlingvon Ladaanon kaj la kialojn de ĝia malsukceso. Tria tezo koncernas Esperantologion: la temo estas komparo inter tradukoj en Esperanto kaj en la angla de fama poemo de la antikva greka poetino Sapfo. Kiel mezuri la kvaliton de la tradukoj en la du lingvoj? Ŝajnas, ke la traduko en Esperanto estas pli fidinda ol tiu en la angla. Rezultoj de ĉiuj tezoj venos en aŭtuno. La kunlaboro kun Esperanto Nederland estas fruktodona: regule mi prezentas Esperanton (en Esperanto mem) dum la plej granda lingvofestivalo de la lando, nomata Drongo. La reagoj estas ofte tre pozitivaj. Krome, mi instruis superan kurson de Esperanto en la studsemajnfino organizita de la asocio mem kaj laŭokaze prelegas. Fine, ĉiujare diversaj lernejaninoj petas helpon por verki diplomlaboraĵojn en la nederlanda pri Esperanto. Tiun ĉi jaron venis interesaj proponoj tiurilate.
Eksteraj rilatoj de la katedrulo estis multaj kaj buntaj en 2017, ĉar temas pri la Zamenhofa Jaro, kaj pro tio ofte ĵurnalistoj petas informojn aŭ eĉ intervjuojn. Mi mencias nur la du plej gravajn: informpeto de la usona The New Yorker, intervjuo de la itala La Stampa. Menciindas ankaŭ du akademiaj kunlaboroj. Unue, la Universitato de Amsterdamo helpis al Guilherme Moreira Fians, brazila esploristo en Manĉestro, veni en la kontinentan Eŭropon por fari laborkampon rilate al sia antropologia esplorado pri la uzo de Esperanto en laborlokoj.

[*Vidu paĝon 8 de ĉi tiu Fenikso*]

Due, ekstariĝis Erasmus-Plus interŝanĝprogramo inter Amsterdamo kaj Parmo: printempe prof-ro Davide Astori venis doni tri gastlecionojn al miaj gestudentoj, kaj vintre mi faros la samon en Parmo.
{...} La rezultoj de miaj esploroj pri Interlingvistiko kaj Esperantologio ĉi-jare estis publikigitaj en Esperanto, la angla kaj la itala en diversaj publikaĵoj kaj konferencoj. Mi mencias nur unu, la artikolon en la prestiĝa fakrevuo Language Sciences, kiu pritraktas la demandon ĉu planlingvoj estas malpli kompleksaj ol la aliaj (mallonge, la respondo estas: morfologie ili estas pli regulaj, aparte Esperanto, sed tio ne estas aparta garantio pri kompleta malkompleksec o). Parte la esplorado-agado estas ligata al EU-projekto MIME (Movebleco kaj Inkluziveco en Multlingva Eŭropo). {...}

Kun miaj plej bonaj salutoj, *Prof. dr. Federico Gobbo ACLC – Amsterdam Research Center in Language and Communication Universiteit van Amsterdam Spuistraat 210 kmr 6.30, NL-1012VT Amsterdam e-mail F.Gobbo@uva.nl web*

## Aperinta




Mi legis la interesan libron *Selma*, verkitan de Carolijn Visser. Selma estis nederlanda virino, kiu ankaŭ lernis Esperanton. Dum studado en Britujo ŝi ekkonis ĉinan viron. Ili geedziĝis. Naskiĝis du infanoj: Greta kaj Dob. Ili ekloĝis en Ĉinio kaj loĝis tie dum la Kultura Revolucio. Selma eskapis de Hitlero, sed ŝi kaj ŝia edzo fariĝis malliberuloj de Mao Zedong. Ambaŭ mortis en prizono. Interesa kaj impona historio.

*Ineke Emmelkamp*

Eldono: Atlas Contact, Amsterdam




*ZINK* estas novelo de la belga aŭtoro David van Reybrouck pri la historio de la landeto Moresnet, kiu iam preskaŭ fariĝis Esperantujo, kaj pri iama enloĝanto de ĝi kies ŝtataneco kvinfoje ŝanĝiĝis. Van Reybrouck por la novelo ricevis eŭropan premion. Tial lia eldonejo reeldonis la libreton. De ĝi ankaŭ estas traduko en Esperanto kun la titolo *Zinko*.

Eldono de Zink: De Bezige Bij, Amsterdam

Eldono de Zinko (traduko de Piet Buijnsters):
Internacia Esperanto-Instituto, Den Haag, www.iei.nl

## Revuoj ricevitaj

***La Revuo Orienta***, jan 2018; feb 2018: aperis reviziita Esperanto-Japana vortaro, sed ĉar ĉiuj informoj estas nur Japanlingvaj, mi ne povas raporti detale. Raporto okaze de estonta Komuna Esperanto-Kongreso de Japanio kaj Koreio; Raporto pri pluraj prelegoj, i.a. pri la Zamenhof-familio en Varsovio; familianoj kaj ties tomboj; pri pluraj el la Zamenhoffamilio detale; ***Esperanto-aktuell*** 2018/1: La kuiristoj dum LUMINESK' – la silvestra renkontiĝo de GEA; Tutjaraj Zamenhofaj travivaĵoj en la Esperanto-urbo Herzberg; Esperanto-Buchversand bei Mainzer Büchermesse – dum tuttaga libroprezentado okazis prelego pri Esperanto-literaturo de Wolfgang Schwanzer; Belegaj tagoj en Svitavy – pri la nova Esperanto-muzeo; Ekspozicio pri Zamenhof ĉe la itala Parlamento; Trezoro Huang Jinbao: la Esperantisto de la Jaro 2017; Roman Dobrzynski: 80-jara; Esperanto-Librotago en Vieno: Por la unua fojo Turstrato 4, grava verko de aŭstria laborista literaturo, estas eldonita en la germana lingvo; ***La KancerKliniko*** jan-feb-mrt 2018: La kanto de Gilgameŝ, dekunua tabulo; Mao Zifu – Al Stephen Hawking; pluraj paĝoj kun bildstriaj rakontoj tre artisme faritaj; ***La Sago/la Sat-Amikara Gazeto***, 120: La ŝtono de la amo – elektitaj poeziaĵoj – el la Albana; ***Sennaciulo***, sep-okt 2017: Antaŭ unu jarcento en Balkanio blovis militaj ventoj …; Eŭropaj judoj mallaŭdis Latvion; Oni diras ke islamanoj minacas Okcidentajn moralojn, sed kio estas Okcidentaj moraloj? Originala projekto en Grekio: Ĥora – labori por rifuĝintoj sen hierarkio …; 50 jarojn post la unua nuklea eksperimento fare de Francio en Polinezio; ***Norvega Esperantisto*** 1/2018: La unua skandinava kongreso okazis en 1918, nun cent jarojn poste la tria; Vizito ĉe Esperanto-vegana kafejo SOJO; ***Nova Irlanda Esperantisto*** mar/apr 2018: Esperanto-muzeo de la Aŭstria Nacia Biblioteko; La lingvoj de floroj; ***Kontakto*** 2018/1: Pluramemo: novaj difinoj kaj defioj en amo-rilatoj; Ĵomart kaj Nataŝa – 30 jaroj da kunkantado; Esperanta libro-eldonado: kial kaprompilo tia? Antaŭ 200 jaroj la biciklo estis inventita; ***Horizon-taal*** jan-feb 2018; mrt-apr 2018: Esperanto als een Aziatische taal; Is het Engels zo eenvoudig? *Gerrit Berveling*

## Antropologia studo pri Esperantistoj kaj Esperanto-asocioj

En la 2a de marto 2018 *Guilherme Moreira Fians* , juna brazila esperantisto, prelegis en Amsterdama universitato en la Amsterdama Centro por Lingvo kaj Komunikado pri la unuaj rezultoj de sia antropologia esploro ĉe geesperantistoj en Francio kaj Nederlando (precipe UEA).
Li estas esploristo en la sekcio pri Socia Antropologio de la Universitato de Manĉestro, verkas sian tezon tie kaj instruas antropologian teorion. Li estis gastesploristo ĉe la fako Interlingvistiko kaj Esperanto en la amsterdama universitato (Federico Gobbo).

La **titolo de lia prelego** estis:
*Hoping for the language of Hope: Activism, ways of engagement and conceptions of time among Esperanto speakers - Esperante por la lingvo de la espero: aktivado, manieroj de engaĝiĝo kaj konceptoj pri tempo inter Esperanto-parolantoj.*

Li intervjuis multajn geesperantistojn, junajn kaj maljunajn, membrojn de asocioj kaj ne-membrojn pri iliaj esperoj kaj malesperoj, pri la nocioj pri pasinteco kaj estonteco. Estas kvazaŭ abismo inter la manieroj laŭ kiuj maljunaj kaj junaj geesperantistoj aktivas. Dum la *maljuna generacio* ĝenerale ne multe okupiĝas pri la t.n. socialaj komunikkanaloj, la *juna generacio* koncentras sin ekzakte sur tiuj komunikkanaloj kaj faras novajn apojn, ekz.e Amikumu, por trovi samlingvanojn.

La *maljuna generacio* konstatas ke la membronombro de asocioj falas, gloriigas la pasintecon kaj esperas pri fina venko, la *juna generacio* ne multe okupiĝas pri tiu problemaro, uzas tutsimple la lingvon kaj se estas kunvenoj anoncitaj iras tien ĉar tamen venos sufiĉe da aliaj parolantoj de la internacia lingvo.

La *maljuna generacio* ofte pensas el ideologia kadro ('interna ideo'),
la *juna generacio* estas tute pragmatisma rilate tion. Dum inter la *maljunuloj* estas homoj kiuj tute ne ŝatas akcenti la kulturajn diferencojn inter geesperantistoj, inter la *junuloj* oni ŝatas elmontri tion.

La *maljuna generacio* ne pensas nur pri la pasinteco kaj la estonteco de la asocioj; estas ankaŭ maljunaj homoj kiuj pensas nur pri la nuno kaj la eblecoj apliki la lingvon en la nuntempo. Sed inter *gejunuloj*, tio estas pli kutima.
La *juna generacio* havas sian propran ĵargonon, kiel 'sal' (saluton!), 'kiel vi' (fartas) kaj 'mojosa'. Oni kunvenas laŭplaĉe pere de rendevuoj interkonsentitaj per socialaj komunikkanaloj.

Dum la diskuto kiu sekvis la prelegon, oni parolis i.a. pri tio ke la malkresko de la nombro da membroj de asocioj ne estas fenomeno tipa por la Esperanto-movado, sed ĝenerala tendenco en la okcidenta mondo. Ke temas ne pri falo en la nombro da Esperanto-parolantoj. La 'flagismo' en la kongresoj de UEA ilustras ke multaj geesperantistoj ĉiam ŝatis kaj -as montri sian naciecan karakterizaĵon, kio ŝajne estas ankaŭ ŝatata inter junaj geesperantistoj.

La demando estas kiaj novaj strukturoj estiĝos per socialaj komunikaj kanaloj kaj ĉu ili povos provizi per samkvalitaj aŭ eĉ pli bonaj servoj ol tiuj kiujn oni kutimas de asocioj.







**ALBERT GOODHEIR** (1912 -1995) estis nederlandano, loĝinta en Britio, doktoro pri filozofio, medicinisto, Esperanta poeto, tradukisto, redaktoro, eldonisto, instruanto, preleganto, membro kaj sekretario de la Akademio de Esperanto, verkinto de poeziaj kaj filozofiaj libroj.

*Averto: Por ke nia komentado pri la poemo povu esti ankaŭ utila ekzercado por gelernantoj de la lingvo, ni abunde aldonis lingvajn rimarkojn en la komentadon.*

---

| | |
|---|---|
| **KOSTARIKO** | **Costa Rica** |
| **1 En montĝangalo** | In een bergjungle |
| **jaguarspuron ŝercis** | jaguarsporen zocht |
| **mi kaj mallertis,** | ik en struikelde, |
| **sed plumon de kvecalo** | maar een pluim van een quetzal |
| **5 verdan survange spertis.** | 'n groene, voelde ik op m'n wang. |
| **Inter oceanoj** | Tussen oceanen |
| **imperiojn mokas** | bespot keizerrijken |
| **senarma lando.** | een onbewapend land. |
| **Vulturo cirklas** | Een gier toert |
| **10 super montaro; signon** | boven een gebergte; 'n teken |
| **difingre skribas.** | met godenvinger schrijft. |
| **Senbrue glitas** | Geluidloos glijdt |
| **tagmeze tra vepraĵo** | op het middaguur door 'n braambos |
| **serpent' ruĝnigra.** | 'n donkerrode slang. |
| **15 Multforma oro:** | Goud in allerlei vorm: |
| **de mortintaj triboj** | uit gestorven (volks)stammen |
| **subtera sonĝo.** | een ondergrondse droom. |
| **Ĉevalon knabo** | (Op) 'n paard slaat 'n knaap |
| **batas kiel prapatro** | zoals een voorvader deed |
| **20 indianan sklavon.** | met een indiaanse slaaf. |
| **Jaguargraŭla** | Grommend als een jaguar |
| **kontinento protestas** | contesteert een continent |
| **perforton daŭran.** | voortdurend geweld. |
| **Freŝherbdekliva** | Met z'n frisbegraste helling |
| **25 vulkan' Irazu neas** | ontkent de vulkaan de Irazu |
| **fajron subcindran.** | het vuur onder de as. |
| **Sub vespernuboj** | Onder avondwolken |
| **ekbrilas malproksime** | beginnen te schijnen in de verte |
| **havenaj lumoj.** | lichten van een haven. |
| **30 En montsoleco** | In de eenzaamheid van de bergen |
| **feliĉa mi tranoktas** | overnacht ik, gelukkig |
| **sub fidaj steloj.** | onder trouwe sterren. |
| --------- | ------ |

---

PRI LA POEMO

<u>La titolo.</u> **Kostariko**

Jen respubliko en Centra Ameriko, kun la ĉefurbo° San-Joseo. *hoofdstad*

Kostarika (hispane *Costa Rica)* signifas?
riĉa marbordo.

Pri kia lando temas fakte?
Pri mallarĝa montara terstrio. Ĝi havas landlimojn norde kun Nikaragvo, sudoriente kun Panamo, oriente ĝia teritorio limas° Kariban Maron kaj okcidente Pacifikon. *grenzen aan*

<u>La poemo.</u>

**Versoj 1-5. En montĝangalo**
**jaguarspuron ŝercis**
**mi kaj mallertis,**
**sed plumon de kvecalo**
**verdan survange spertis.**

**Kio estas ĝangalo?**
Kutime estas densa° arbaro de varma, *dicht*
malseka° klimato, precipe de *vochtig*
musonaj landoj. *moesson*
La vorto 'ĝangalo' origine devenas el
la hindia 'ĝanga' (= arbaro). Komparu angle
'jungle'.
Interkrampe: la leĝo° de la ĝangalo estas *wet*
la rajto° de la plej forta. *recht*
**jaguaro** = ?
bela granda felisedo°, malpli granda *katachtige*
ol tigro aŭ leono, kun hararo simila al leopardo,
flava° kun nigraj makuloj°, sed la *geel; vlek*
rondoj estas pli grandaj.
Kial li **mallertis**?
En ĝangalo ne ekzistas iaj vojoj kaj li falas
pro arbaraj radikoj°, *boomwortel*
rompitaj° branĉoj, lianoj, aŭ io simila. *afgebroken*
**kvecalo**= ?
speco de birdo kun longega vosto° *staart*
kaj belkolora plumaro, vivanta en Centra
Ameriko. Sankta birdo de la aztekoj,
nacia° birdo de Gvatemalo. *nationaal*

**Versoj 6-8. Inter oceanoj**
**imperiojn mokas**
**senarma lando.**

Pri kiuj **oceanoj** temas ĉi tie?
Pacifiko okcidente kaj Atlantiko oriente.
**moki** = ?
malŝate° ridindigi° (PIV). *verachtend; belachelijk maken*
**senarma** = ?
ne armita. Laŭ la vortaro PIV, 'armo' estas
arkaika vorto por 'armilo°'. *wapen*
Kostariko nuligis la armeon la 1-an de
Decembro 1948. Ĝi estas unu el la malmultaj
landoj de la mondo sen armeo°. *leger*
Kiel senarma lando povus **moki imperiojn**?
Kostariko investas° en aliajn aferojn ol *investeren*
en armilojn. Tio sekurigas politikan stabilecon,
ĉar neniu perforteksplodo° *gewelduitbarsting*
okazas kiel en multaj ĉirkaŭaj landoj. La
respubliko estas prospera° kaj ankaŭ *welvarend*
nomita la Svislando de Centra Ameriko. Ĝia
homa disvolviĝo° estas unu el la plej *ontwikkeling*
bonaj en Latinameriko kaj la loĝantoj° *inwoners*
sentas sin feliĉaj. Okulfrapa° estas *opvallend*
ankaŭ la akra° investo en la konservadon *fors*
de la naturo, kiu allogas multajn turistojn. La
registaro° volas por 2021 esti la unua *regering*
klimatneŭtrala lando de la mondo.

**Versoj 9-11. Vulturo cirklas**
**super montaro: signon**
**difingre skribas.**

**vulturo** = ?
tre granda rabobirdo° kun longa, rekta *roofvogel*
beko malsuprenkurba° ĉe la *naar beneden gebogen*
pinto°, kun pli-malpli nudaj kapo kaj *top*
kolo° kaj kun relative malfortaj° *hals; zwak*
piedoj (PIV).
Kiel kompreni tiun '**difingre**'?
Ĉu eble 'kun fingro de dio' aŭ 'kiel dia fingro'?
La grandaj flugiloj de la ĉirkaŭfluganta vulturo
elvokas° la admiron° de la *oproepen; bewondering*
promenanto. Dank al tio, li povos duoble
ĝui° la promenadon ! *genieten*

**Versoj 12-14. Senbrue glitas**
**tagmeze tra vepraĵo**
**serpent' ruĝnigra.**

Kio estas tiu **vepraĵo**?
Tufo° de arbustoj **sovaĝaj°** *bosje; wild, woest*
kaj plej ofte dornaj°. *doornig*
serpento =?
tie ĉi reptilio senmembra; figurasence
perfida°, malica° persono *verraderlijk; boosaardig*

**Versoj 15-17. Multforma oro:**
**de mortintaj triboj**
**subtera sonĝo.**

Kio povas esti tia **oro**?
Eble **pecetoj°** el juveloj° aŭ *klein stukje; juweel*
**moneroj°**? *geldstuk*
Kial tiu dupunkto post la vorto 'oro'?
Ĝi anoncas venontan klarigon.
Tiuj or-restaĵoj montras kion?
Ke verŝajne en la antaŭa popolo ekzistis...
ia **kulto** de tiu oro.
Kion signifu tiu '**subtera sonĝo**'?
Tiuj or-restaĵoj kompreneble stimulas la
imagopovon° de la poeto. *verbeeldingskracht*
Ĉu en la profundaĵo de la tero eble restas
ortrezoro?
Por promenantoj tio certe estas forte
alloga° hipotezo°! *aanlokkelijk; veronderstelling*

**Versoj 18-20. Ĉevalon knabo**
**batas kiel prapatro**

**indianan sklavon.**

Brutala ŝanĝiĝo de la etoso°! *sfeer*

Kion supozigas la strofo?

Ke tiu prapatro neniam hezitis bati indianon aĉetitan° kiel sklavo. Eble referenco *gekocht* al la koloniado fare de hispanoj? Ili tute malestimis la lokan popolon. Io el la antaŭaj moroj ŝajnas ankoraŭ ekzisti en la knabo, kiu batas la 'malaltvaloran' beston.

**Versoj 21-23. Jaguargraŭla kontinento protestas perforton daŭran.**

Kial tiu kontinento estus **jaguargraŭla**?

Kostariko havis tre riĉan bestomondon. Oni tiutempe ankoraŭ trovis multe da jaguaroj. Do la blekegado° de tiuj rabobestoj *gebrul* estas bone aŭdebla.

**protesti ion** = *iets betwisten, bestrijden.*

Kontraŭ kio Kostariko protestas laŭ la poeto?

Kontraŭ la perforto° kaŭzata de homoj, *geweld* kiel tiu de la hispanaj dominantoj aŭ de internaj civilaj militoj. La lando preferas protektadon de la naturo, do ankaŭ de la homoj, kiuj tie vivas. Jen granda kontrasto kun la perforto en multaj landoj de la regiono.

**Versoj 24-26. Freŝherbdekliva vulkan' Irazu neas fajron subcindran.**

**freŝherbdekliva vulkano**

Kia estas tiu vulkano Irazu?

Ĝi estas kovrita de freŝa herbo.

Kia aperas tiu vulkano?

Eble sufiĉe alloga°! *aantrekkelijk*

Notindas, ke vojo povas havi kian **deklivon**?

Ĉu milde aŭ krute° leviĝantan°. *steil; oprijzend*

Kion signifas, ke Irazu povas **nei** sian propran fajron?

La vulkano ŝajnas ne okupiĝi pri tio, kio okazas en ĝi mem. Ĝi ŝajnas ignori° la *niet willen weten* ekziston de tiu subcindra fajro. Alivorte: jen vulkano, kiu nun ne plu aktivas, ĉar alie oni ne mencius ĝian freŝan herbon deklivon. Alivorte, la dekoro estas tiom rava°, ke la *verrukkelijk* entuziasma admiranto simple forgesas la internon de tiu majesta sinjoro Irazu !

Notu bone: Kostariko havas plurajn vulkanojn, la plej multaj estas tamen neaktivaj.

Notindas la bona kunmetado de vortoj por krei adjektivojn: jaguargraŭla, freŝherbdekliva, subcindra kaj aliaj. Utilo?

Ili kapablas anstataŭi° tutajn frazojn. *vervangen*

**Versoj 27-29. Sub vespernuboj ekbrilas malproksime havenaj lumoj.**

Jen preskaŭ nokto !

**Ekbrilas**

La prefikso 'ek-' montras la komenciĝon aŭ la mallongecon de iu ago. Ĉi tie do la vespero komenciĝas.

Kion montras la fakto, ke li vidas tiujn lumojn?

Ke li troviĝas en parto de la pejzaĝo, el kiu li povas rigardi la ebenaĵon° en la direkto *vlakte* de la maro.

**Versoj 30-33. En montsoleco feliĉa mi tranoktas, sub fidaj steloj.**

Kio provokas tiun **montsolecon**?

Verŝajne la poeto promenas nur en la montara pejzaĝo. Ĝenerale homoj preferas kontaktojn kun aliuloj kaj forte timas° ian solecon. *vrezen* Sed ĉi tiu poeto estas **feliĉa** !

Kio imageblus per '**fidaj steloj**'?

La steloj revenas, transjare, ĉiunokte, ili estas do fidelaj akompanantoj. Eble li ne sentas sin soleca, eĉ mem feliĉa. Steloj krome° *bovendien* stimulas pensadon kaj revadon. Verdire°, skribinte la *eerlijk gezegd* ĵuslegitan° poemon, li certe sentas *pasgelezen* siajn pensojn ankoraŭ forte ĉien vagadi°. *overal naartoe zwerven*

**Konkludo.**

La poeto sukcesas en deko da strofetoj pentri Kostarikon. Li estas bona observanto, dank' al kio ni povas bone imagi tiun landon inter la du oceanoj, kun ĝiaj pluvarbaroj° kaj *regenwoud* volkanoj kaj la tipaj bestoj (jaguaro, kvecalo, vulturo, serpento).

En la dua strofo li parolas preterpase° pri *terloops* aparta trajto° de ĉi tiu lando: ĝi ne *karaktertrek* havas armeon.

Sed ĉi paca bildo ne plidaŭras. En la kvina strofo aludo al la riĉeco de la kulturo de la antaŭaj landanoj (oro en la tero), kiu tamen brute estis neniigita de la hispanaj koloniistoj. Eĥojn de tiu perforto ni legas en la sesa strofo (la batado de

